# La LAMPIRO

46a jaro n-ro 111 januaro - aprilo 2005

Oficiala Organo de
Esperanto-Asocio de San-Paŭlo

kvarmonata, kultura kaj informa publikigaĵo,
senpaga por membroj de EASP

**Redaktoro**
Genildo Martins Coelho
genildomcoelho@uol.com.br
Tel. (11) 6091-6420

**Reviziantoj**
José Dias Pinto, Eurico Ribeiro

**redaktcio:**
Rua Faustolo, 124
05041-000 - São Paulo - SP
**retpoŝto** jmcoelho@uol.com.br

brazila abontarifo por 2005: R$ 10,00
eksterlanda abontarifo por 2005: US$ 5,00
unuopa ekzemplero R$ 5,00

*La redakcio ne respondecas*
*pri la subskribitaj artikoloj*


---

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
fondita en 29/03/1937

**Sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Lapa
05041-000 São Paulo - SP
**Telefono-fakso** +55 (0 xx11) 3862-1183



**Membro-kategorioj** (monate)

| | |
|---|---|
| Kat. 1 (Simpla membro) | R$ 10,00 |
| Kat. 2 (Kunlaboranta Membro) | R$ 12,00 |
| Kat. 3 (Helpanta Membro) | R$ 17,00 |
| Kat. 4 (Subtenanta Membro) | R$ 22,00 |
| Kat. 5 (Nur por ŝtatinternanoj) | R$ 5,00/3,00 |
| Kat. 6 (Aliĝinta Asocio) | R$ 20,00jare |

| | |
|---|---|
| Jara antaŭpago: | 15% rabate |
| Sesmonata antaŭpago: | 10% rabate |

**Deĵorado**: de lundo ĝis sabato, de la 15-a ĝis la 18-a horo.

# Enhavo


Malgraŭ ĉio Demokratio meritas sian lokon (José Dias Pinto) ........ 01
Kriptogramo (José Savaira Matos) ........ 03
Legi nur klasikaĵojn (traduko: Fernando J.G. Marinho) ........ 04
Recenzo: “Mi Estas” (James R. Pinton) ........ 05
Mitoj kaj miskomprenoj pri scienco (Francisco Stefano Wechsler) ........ 06
Sinsekvaj centjariĝoj de E-movado (James Rezende Piton) ........ 08
Bejo jarfino 2004 (Ísis C. Okabe Piton) ........ 09
El la esperanta literaturo (José M. Coelho) ........ 10
Graveco de SanRio por la Brazila Esperanto-movado (Sylla Chaves) ........ 12
Por revalorigo de poezio (Paulo S. Viana) ........ 15
La anĝelo kiu revenis al la ĉielo (Joel Afonso Francisco) ........ 16
Ĉu vi estas esperantisto (Osvaldo Pires de Holanda) ........ 17
Vizio pri l’ Estonteco (Manuel B. dos Santos) ........ 17
Forpasoj ........ 18
59a E-renkontiĝo de Sudparaiba Valo ........ 18
Kio estas Floraj esencoj? (Yeda Patrizi) ........ 19
Esperanta Kalendaro ........ 20
Troboj ........ 20


## Kovrilo

1 La preleganto Paulo Sergio Viana
2 La kantistino Sônia Sanchez
3 La kantistino Lívia
4 La kantisto José Calixto
5 La ĉeestantaro

# Malgraŭ ĉio Demokratio meritas sian lokon

José Dias Pinto
jodipinto@uol.com.br

Por la numero 107 de LA LAMPIRO mi verkis artikolon pri "la socia rolo de la mensogo", kie interalie mi diris, ke "mensogoj povas esti uzataj kiel instrumento por plibonigi la socion. Sen ili al neniu kompetenta kaj bonintenca politikisto prosperus elektiĝi por iu posteno en iu el la registaraj diversnivelaj kaj diversspecaj povinstancoj. Se tia kandidato limigus siajn promesojn al tio envere realigebla, alia konkurenculo, eventuale malpli honesta aŭ malpli kompetenta — aŭ ambaŭ — kaj certe malpli skrupula, permensoge ŝtelus de li la okazon esti utila al la socio".

Por la ĵurnalo O ESTADO DE SÃO PAULO, de la 14ª de Januaro 2005, la ĵurnalisto João Mellão Neto, kun la sperto de siaj du mandatoj, kiel federacia deputito, verkis artikolon pri la rolo de la federaciaj leĝofarantoj, iliaj intencoj, celoj, agadlimoj kaj "individuaj malvirtoj" el kiuj tamen elkoviĝas fine io pli bona ol la konsistigaj eroj.

"La parlamentanoj ĝenerale neniam kalkulis je la estimo, respekto kaj bonvolo de la publikopinio. Politikistoj ĝuas malbonan reputacion en la tuta mondo, de kiam la mondo estas mondo. Sed, kiel en la fabelo pri la abeloj, de Mondeville, el la sumo de la individuaj malvirtoj fine rezultas kolektivaj bonaĵoj. Maloftaj estas la politikistoj dotitaj per sociservema spirito. Sociservemo implicas rezignon pri propraj interesoj, sindonon, malegoismon. La peza povoludo postulas de siaj partoprenantoj la malajn karakterizaĵojn. Efika politikisto devas nepre esti ambicia, ŝajnigkapabla, nemorala, nekonsekvenca, sena je grandaj skrupuloj. La plej bonaj ŝtaloj estas ja forĝataj sub la plej fortaj fajroj. Sed kio okazas, kiam tiaj homoj devas inter si konkurenci en la politika areno? Ĉiu defendas siajn proprajn interesojn aŭ la interesojn de la grupo kiu lin elektis. Okazas granda batalo de ĉiuj kontraŭ ĉiuj, kaj la rezulto el tio estas la maksimuma komuna denominatoro inter la diferencaj aspiroj de la socio. Tiu estas la plej granda virto de la demokratio. Sed, por ke la ludo funkciu, necesas, ke ĉiam estu relativa forto-ekvilibro inter la kunludantoj. Nepras, ke la povo estu fragmenteca. Neniu povas, en kiu ajn momento, teni de la povo tiel grandan parton, ke permesatas al li trudi sian volon al la aliaj. Ĉiuj interesoj devige estu negocataj. Ĉiuj devas esti akomodataj ĝis kongruo kun la cetero de la tuto."

Kompreneble, ke al tiu konkludo li ne povus alveni kiel nura eksterrigardanto, kaj ankaŭ pri tiu maturiga sperto li parolas.

"Mi nebone komprenis ĉi ĉion ĝis mi enposteniĝis por mia unua mandato, kiel federacia deputito".

"La komenca sperto frustras. La novaj deputitoj, senescepte, kredas, ke ili revolucios la Parlamenton. Kia estas ilia frustracio ĉe la konstato ke, krom ili mem, ekzistas 512 deputitoj kaj 81 senatanoj same pensantaj! La reala povo de ĉiu estas sensignifa. La veteranoj kalkulas almenaŭ kun la avantaĝo esti familiariĝintaj kun la sennombraj reguloj, kiuj konsistigas la Internan Reglamenton. Tri monatojn post la komenco de la mandato ekzistas jam, minimume, du mil leĝoprojektoj atendantaj vojiron, plejparte prezentitaj de la novuloj. En la fino de la unua

jaro deko da ili estos transformiĝintaj en leĝojn. Eĉ ne ĉi tiel iliaj bonŝancaj aŭtoroj havas motivojn por ĝojo. De la prezento ĝis la aprobo iliaj proponoj trapasis la kribrilojn de, minimume, tri permanentaj komisionoj, en ĉiu el ili suferis modifojn kaj tondojn ĝis nerekoneblo fare de la komenca proponinto."

"La deputito finas sian unuan jaron tute seniluziiĝinta: Por kio mi venis fine? Miaj gravegaj proponoj frakasiĝis. El ĉiu deko da proponoj por kiuj mi balotis plenkunside, koncerne al naŭ mi sciis nenion pri la enhavo. Mi balotis akorde kun la direktivoj de la kolego niapartia reprezentanto, la sola miapartiano, kiu ŝajnis scii ĉion. En tiu domo la realaj povuloj estas la partio-reprezentantaj deputitoj."

"Ili siavice, kvankam ŝajnigantaj sin ĉiosciaj kaj ĉiopovaj, intime ne sentas tiun konvinkon. Ili tre bone scias ke, en la plejparto de la balotoj, ili nesufiĉe konas la kernon de la prezentitaj proponoj.Iliaj parlamentaj asistantaroj verkas la opinio-komentariojn, per kiuj ili gvidas siajn sampartiajn kolegojn. Bonaj improvizantoj, ili aranĝas konvinkajn argumentojn por defendi la opiniojn, kaj prezentas ilin kiel siajn. La deputitoj, kiuj jam havis okazon gvidi la kolegojn, scias pli bone ol kiu ajn alia, ke la leĝofara procezo ne havas majstrojn, ĝi rezultas el la kolektiva prilaboro. Leĝo-propono, ĝis atingo de plenkunsido, pasas tra la manoj de dekoj aŭ eĉ centoj da deputitoj. Ĉiu zorgas pri enmeto aŭ forigo de io el la originala projekto, por akordigi ĝin kun la interesoj, kiujn li defendas. Fine de la procezo, antaŭ ol portate al balotado, la projekto estas ankoraŭ negocata inter la kolegaj partio-reprezentantoj, tiel ke ĝi iĝu akceptebla por la plejparto el la ludantaj interesoj. Ĉio tio ŝajnas ĥaosa. Surprize estas konstati, ke finfine tiu kompleksa sistemo funkcias".

Oni konstatas do, ke ne nur kiel kandidatoj, dumkampanje, niaj reprezentantoj en la federaciaj leĝofarejoj agas en neprifierinda maniero — el nura primorala konsidero. Oni agnosku tamen, ke tiu povas esti la prezo por efikeco de ilia rolo kaj la realigo de la celoj, kiujn ili prenis al si.

Kaj nia aŭtoro daŭrigas:

"Kvankam multe da sensencaĵoj estas proponataj de ĉiu Deputito kaj Senatano, malfacile leĝoforme eliĝas el la Nacia Parlamento stultaĵo. El la konfronto kaj interagado de la individuaj idiosinkrazioj fine rezultas kolektiva saĝo. *La aprobitaj leĝoj povas ne esti la idealaj, sed estas certe la politike eblaj, konsidere la konjunkturon kaj la tuton de valoroj akceptitaj de la plejparto el la socio*" (kursivigo mia).

"La politikistoj, individue, malproksimas de la perfekteco, sed la Parlamento, kiel sumo de sennombraj diverĝaj interesoj, alvenas almenaŭ al io proksima al tio, kion oni komprenas kiel perfektecon".

"Ĉi tiu estas la mirinda spektaklo de la Demokratio".

La artikolo de João Mellão Neto portas nin al la konkludo, ke la politikistoj, kiujn la socio kritikas, estas nuraj specimenoj de tiu sama socio, kiu delegis al ili sian reprezentadon.

## Bulgara pikmokaĵo

En malfrua nokto la edzino vekas la gabrovanon:

— Vekiĝu, Nikolao, ŝtelisto provos malfermi la fenestron de la banejo …

— lasu lin provi. Ni jam tutan monaton penas, sed ne sukcesis ĝin malfermi. Estus bone, se li sukcesus...

# Kriptogramo

Plezure mi organizis facilan, amuzan, interesan kaj instruan VORTENIGMON: Jen la plej facila maniero solvi tiun enigmon: unue observu, ke sube kaj dekstre torviĝas kvadratetoj, kelkaj kun numeroj ene de ili. Aliflanke, sube sed maldekstre, videblas difinoj. Post la koreta solvo de tiuj difinoj, ekaperas ene de la pli nigraj (reliefaj) kvadratetoj, literoj pere de kiuj oni povas formi la titolon de unu el la plej gravaj esperantaj organizoj en BRAZILO. Numeroj egalaj, literoj ankaŭ egalaj. Por faciligi la solvon de la enigmo, malsupre (piedpaĝe) estas numerlitera tabelo, kiun oni povas konsulti, sed daŭrigantoj kaj spertuloj ne bezonas konsulti tiun tabelon, kiel mi kredas. La aŭtoro, 86-jara brazila esperantisto, plezure dediĉas tiun ĉi enigmon al la tuta esperantistaro de BRAZILO kaj tutmonde. Ek al la cerbumado, kaj pligrandigu vian vortprovizon. JOSÉ SARAIVA MATOS - Rua Edgar Loureiro, Q2 Lote 5-A - Resgate, Cabula - Salvador, BA - Brazilo.

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 01 | Diranta nur kion decas dir. | 5 | 10 | | 17 | 6 | 13 | 16 | 11 |
| 02 | Aparato kun buŝingo por faciligi la inhalon. | 10 | 8 | 19 | | 2 | 10 | 2 | 3 |
| 03 | Romia provinco ĉe la mezo de Danubo. (PL) | | 11 | 8 | 3 | | 0 | 3 | 15 |
| 04 | Doni al sono nazalan nuancon. | 8 | | 9 | 11 | 2 | 10 | 1 | 10 |
| 05 | Nepartoprenanta, nek volanta partopreni. | 8 | 13 | | 16 | 6 | 11 | 2 | 11 |
| 06 | Sfera korpeto interne de ĉela nukleo. | 8 | 4 | 17 | | 13 | 3 | 2 | 3 |
| 07 | Administranto de domo aŭ bieno. (PL) | | 17 | 3 | 8 | | 14 | 3 | 15 |
| 08 | Fari versojn per asonancoj. | 11 | | 3 | 8 | 11 | 8 | 20 | 10 |
| 09 | Eco de iu aŭ io impona. | 10 | 14 | | 3 | 8 | 13 | 20 | 3 |
| 10 | Prezentanta superabundan fantazion... | | 11 | 7 | | 2 | 13 | 9 | 11 |
| 11 | Fantazia monstro en “La Tempesto”... | 17 | | 2 | 10 | 7 | 11 | 8 | 3 |
| 12 | Sistema ekstermo de la tutaj gentoj. | 1 | 13 | | 3 | 20 | 10 | 5 | 3 |
| 13 | Prakrtikanta abstemion. | 11 | 7 | 18 1 | | 14 | 10 | 11 | |
| 14 | Fari apologion. | | 12 | 3 | 2 | | | 10 | 10 |
| 15 | Aro da ŝipoj aŭ de aviadiloj. (PL) | 13 | | 17 | 11 | 5 | 6 | 3 | 15 |
| 16 | 1. Diigi. 2. Glorigi. | 11 | 12 | | 16 | 13 | 3 | 9 | 10 |
| 17 | Rilata al glaciado. | 1 | 2 | 11 1 | | 0 | 1 | 11 | |
| 18 | Speco de ringo, kiu pendas de la selo. | 12 | 10 | 13 | 5 | | | 1 | 3 |
| 19 | Ĉesigi la pagon de siaj ŝuldoj, pro ne... | 7 | 11 | 8 | 17 | 6 | | 6 | 10 |

| 01 | 02 | 03 | 04 | 05 | 06 | 07 | 08 | 09 | 10 | 11 | 12 | 13 | 14 | 15 | 16 | 17 | 18 | 19 | 20 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| G | L | O | U | D | R | B | N | Z | I | A | P | E | M | J | T | K | S | H | C |

RIMARKO: (PL) interparenteze, indikas pluralon

# Legi nur Klasikaĵojn

( Atentu la sciencan terorismon: Ĉio estas noca.)

**aŭtoro: João Ubaldo Ribeiro**

*Elportugaligis:*
*Fernando J. G. Marinho*

Mi esperas, ke inter vi troviĝas homoj kiel mi, devenantaj de pli simplaj epokoj kaj, nuntempe sentantaj sin pli kaj pli sieĝataj. Mi ne parolas pri rabado, drogoj kaj similaĵoj, trafantaj ĉiujn, ne nur la preskaŭ-maljunulojn. Mi parolas pri la senkompata statistik-scienca terorismo, de ĉiu ĵurnalo, revuo aŭ eĉ babilado, bombarde ĵetata sur nin.Ĉio nocas, kaj, ĝenerale, okazigas kanceron aŭ teruregajn neŭrologiajn malsanojn, kies suferantoj fariĝos tremantaj, salivantaj kaj kvadriplegiaj. Havi aktivan seksan vivon fariĝis noca afero, abstinado ankaŭ malutilas. Tio, kion hieraŭ oni nomis bona , nun oni nomas venena kaj morgaŭ denove nomos bonega por la sano. La dieto, kiun oni asertis la plej saniga, nun mortigas.

Krom tio, ĉiu ajn manĝaĵo nemanĝendas. Viando enhavas letalajn hormonojn, kiuj, minimume, devenigas kreskadon de mamoj en la viroj kaj de barboj en la virinoj. Ŝajnas superflue paroli pri antibiotikoj kaj defendiloj kun kilometraj nomoj, kaŭzantaj la aperon de miloj da malsanoj, ĉiuj nekuraceblaj. Fiŝo kaj mituloj enhavas hidrargon kaj aliajn malpurigaĵojn, tiamaniere ke, ilin digesti igas la ostojn rompiĝemaj kaj okazigas blindecon kaj surdecon post malmultaj jaroj. Pano enhavas ion, kion ili miksas kun faruno kaj faras iun ajn, sendepende de la sekso, senrevene impotenta ĝis la fino de lia/ŝia vivo. Lakto enhavas ĉion, eĉ DDT, ne permesata en Usono, kie ĝi kaŭzis estingon de la haliaeto, malaperigis la kojoton, steriligis la riveron Misisipo kaj naskis centojn da aliaj teruregaj plagoj, baldaŭ trafantaj Brazilon, se oni ne tuj antaŭzorgos pri la afero, kaj ĉiuj scias, ke tio ne efektiviĝos . Vegetaĵojn, senescepte, infektas ĥolero, skistozomozo, tifo kaj danĝeraj disenterioj, krom, kompreneble, agrotoksoj, tiel fatalaj, ke proponi al iu salaton el kreso, laktuko kaj tomato taksendas hommortiga intenco. Ovoj, krom infektitaj de salmoneloj kaj venenitaj kemiaĵoj porciumitaj al la multproduktaj kokinoj, estas demetitaj de senbekigitaj kaj izolitaj kokinoj kaj, do, stresitaj kaj nervomalsanaj, produktantaj ĉiajn malutilajn substancojn ene de sia histaro. Ne necesas diri, ke manĝi ovojn, eĉ tiujn devenantajn de bone adaptitaj kokinoj, fariĝas nepra recepto por ŝtopi la koronariajn arteriojn kaj ricevi ponton el safeno je la tridekoka jaraĝo. Pastaĵo dikigas...; pastaĵo ne dikigas... Sukero estas veneno. Frukto povas malfavore influi la elcentaĵon de "trigliceridoj" ( mi ne scias, ĉu la termino estas ĝusta, ĉar tio estas novaĵo, antaŭe ili ne ekzistis). Oni trovas la bonan kolesterolon kaj la malbonan kolesterolon. Maldekstrulo forpasas pli frue ol dekstrulo. Ververa viro mortas ekskluzive aŭ pro infarkto aŭ pro aviadila akcidento, la ceterajn kaŭzojn oni atribuas al aideso aŭ superdozado de drogoj.Ŝtopu vin per vitaminoj kaj vi vivos ĝis centjaraĝa - diras kuracisto. Ŝtopu vin per vitaminoj kaj maksimume vi sukcesos havi la plej multekostan pisaĵon el la kvartalo - rebate diras alia kuracisto.

Efektiva terorismo, nun survoje al malpliboniĝo, dank' al la "patrolado" laŭ eŭro-usona stilo, jam ekruiniganta la nacion. En Usono, ĝenerale oni rajtas fumi nur surstrate kaj sub risko de atako per fajrestingilo fare de maljunulinaĉo. En Novjorko, iu ajn vestanta surtuton el pelto aŭ

# Recenzo

*James Rezende Piton*
*(Campinas-SP)*






KD "MI ESTAS"
Protestkanzonoj, amkanzonoj, ŝerckanzonoj...

Ĵak Le Puil, la konata franca kantisto de la esperantistoj, registris sian unuan KD sub titolo *"Mi estas"* kaj produktita de Vinilkosmo, 2004. Tiu tamen ne estas lia unua albumo. "Mi estas" aldoniĝas al la kasedoj "Danĝera ul'" (1977), "Revenas mi" (1980), "De Pont-Aven al Varsovi'" (1985) kaj "Ne donu tro" (1993). Do estas ne malpli ol 27 jaroj da ĉeesto, kiun Ĵak dediĉas per tiu ĉi albumo, ŝtopita je dolĉa mokemo, socipolitika kritiko kaj multe da tenero.

Vi eble memoras lian nomon kiel redaktoron de la fama kaj polemika Esperanto-gazeto "La Kancerkliniko". Ĉu la tekstoj povus esti simplecaj, memevidentaj? Tute ne. Ĵak komponis kanzonojn laŭ tekstoj i.a. de la fama E-poeto Eŭgeno Miĥalski, Feliks Zamenhof, Claus J. Günkel, Tomaŝ Pumpr, kaj Stefan Maul. Jen tie ĉi kune du bonaj amikoj de nia kara Ledon, Le Puil kaj Maul.

La stilo de la tuta albumo memorigas min pri kabaretaj bardoj, en kiuj la voĉo rolas foje kvazaŭ la artisto kante prikomentas ion al la aŭskultanto. Amuzis min la petola teksto de "Tion, neniam vidis mi". La aŭtoro rakontas - "Mi venis hejmen en vesper'/post drinketo de vin'/Ĉevalon trovis en la stal'/Kaj mi ne konis ĝin" kaj jen sekvas serio da strangaĵoj, kiujn la edzino volas kredigi lin. Mi esperas, ke ankau vi neniam vidis tion...

ledo , riskas ricevi ŝpruĉaĵon kaj sur la vizaĵon kaj sur la veston. En Britio oni emas bombardi kaj difekti viando-vendejojn, viandofrigidejon kaj buĉejojn. Kaj la frenezumado pligrandiĝas ĉiudirekte, kiel la okazaĵo dum vizito farita de Brigitte Bardot al eskima urbeto, laŭ tio, kion mi legis en brita gazeto. Post bonega akceptado, je certa momento ŝi sugestis, ke ili devus anstataŭigi tiun viandan dieton per freŝaj fruktoj kaj legomoj. Fariĝis embarasa silento, dum la eskimoj ĵetis rigardon sur la ĉirkaŭantan frostan dezerton.

Mi donacas mian sperton al tiuj, kiuj suferas, kiel mi. Mi ne plu legas ion, krom klasikaĵoj ( En ĉi tiu momento , ekzemple, Rabeleso kuŝas ĉe mi kaj rakontas pri potenca porksaŭcaĵo, avide manĝata de Gargantuo). Legi aliajn aferojn, kiel la ceteron, sekvigas teruran malbonon. Inkluzive, kompreneble, ĉi tiun paĝon.

*(El la semajna brazila revuo VEJA (Vidu), de la 30a de Oktobro 1991)*
*(Ĉi tiu Esperanta versio aperis en FONTO, numero 141, Septembro 1992)*

# Mitoj kaj miskomprenoj pri scienco

*Prof-ro D-ro Francisco Stefano Wechsler*
*(Botucatu-SP)*

En ĉi tiu artikolo mi provas skize diskuti kelkajn mitojn kaj miskomprenojn pri scienco, esperante tiamaniere eviti, ke la leganto plue enretiĝos en falsaj argumentoj. La temo estas vastega, do nur kvin punktojn mi pritraktos.

En scienco, por pruvi teorion, oni devas fundamenti ĝin sur empiriaj pruvoj. Oni faras eksperimentojn, per kiuj oni klopodas detrui la teorion. Se tamen la teorio rezistas, oni akceptas ĝin, ĝis aperos teorio pli bona. Emfazindas, ke la rezultoj de tiaj eksperimentoj devas esti ripeteblaj en diversaj sendependaj lokoj kaj de diversaj sendependaj sciencistoj.

Krome, ju pli eksterordinara la fenomeno, des pli rigoraj estu la kriterioj uzataj por eksperimentado kaj testado.

## Unua miskompreno: eksterordinareco estas relativa

Supozu, ke iu deklaris, ke eblas mense kontroli pluvofalon. Tio ĉi sonus stranga aŭ eksterordinara al teĥnike orientataj personoj, sed ĝi ŝajnus natura al Brazilaj indiĝenoj. Kelkaj do argumentas, ke, ĉar strangeco estas relativa, oni ne devas esti pli rigora ol ordinare rilate permensan pluvkontrolon.

Tamen por sciencistoj "eksterordinareco" tute ne sinonimas al "strangeco". Ĉi-lasta koncepto estas ja tute subjektiva, sed ĝi ne koncernas sciencon. Por sciencisto, fenomeno estas eksterordinara, kiam ĝi kontraŭdiras konatajn naturajn leĝojn. Akcepti mensan pluvkontrolon kiel veran implicus malakcepti aŭ detrui certajn leĝojn jam delonge fiksitajn. Sekve, antaŭ ol detrui parton de la scienca fundamento, oni devas treege rigore studi la fenomenon.

Tio evidente ne signifas, ke fenomeno kontraŭanta la konatajn leĝojn fontas necese el difekta aŭ falsata observado. Ekzemple, la Kopernika suncentra sistemo aperis precize ĉar certaj astropozicioj neakordiĝis kun la Ptolomea sistemo. Tiuj eksterordinaraj fenomenoj fine detruis la malnovan tercentran sistemon, kauzante grandan progreson por la astronomio.

## Dua miskompreno: la pruvo per manko de klarigoj

Ĉi tiun argumenton oni ofte uzas por prezenti "pruvon" de certaj" eksternaturaj" fenomenoj, kiel, ekzemple, la mirakloj de Lurdo en Francujo. Por "pruvi" tiujn miraklojn, oni baziĝas sur atestoj de kuracistoj, deklarantaj, ke la observitaj fenomenoj ne estas klarigeblaj medicine. Tamen, ĉar medicino, kiel iu ajn alia scienca branĉo, ne estas perfekta nek kompleta, de tempo al tempo aperas fenomenoj de resaniĝo, kiujn oni ne sukcesas klarigi kontentige. Oni do rigardas la resaniĝon kiel pruvon de la mirakla kapablo de la Lurda akvo. Fakte, la miraklo estas nur konjekto, ne pruvo. Oni povus ankaŭ proponi aliajn konjektojn: placebefekto aŭ manko de medicina kono en la epoko, kiam okazis la miraklo.

Pruvo de la kurackapablo de la Lurda akvo dependus de zorge kontrolata eksperimento, kie oni liverus Lurdan akvon al testata grupo kaj ordinaran akvon al kontrolgrupo, obeante al duoble blinda aranĝo. Alivorte, nek la partoprenantoj nek

la kuracistoj scius, kiu ricevas kion.

Kontraste, religiuloj argumentas, ke mirakloj dependas de Dia volo, kiun neeblas jungi al eksperimento. Konklude, mirakloj ne estas science elproveblaj. Bonvolu atenti, ke ĉi tie mi ne arogas al mi la rajton kritiki ies ajn religian fidon, sed mi avertas kontraŭ la emo rigardi la suprecititajn kazojn kiel sciencan pruvon.

## Tria miskompreno: "ripetebleco" kauzata de informselektado

Ĉe Lurdo, oni montras centojn da neklarigitaj kazoj de resaniĝo okazintaj post trinkado de la akvo, kaj uzas ilin por "pruvi" la ripeteblecon de la fenomeno. Tamen oni ne mencias la milojn (aŭ milionojn) da kazoj, kie la akvo neniel efikis. Tion oni nomas "selektadode rezultoj". Statistike, tia selektado kreas statistikan fenomenon nomatan sistema eraro, kiu kondukas al artefarita ripetebleco, sed neniel konsistigas sciencan pruvon.

## Kvara miskompreno: teorio "pravigata" per antikveco

Ofte oni argumentas, ke astrologio estas la plej malnova el la sciencoj, ĉar oni studadas ĝin ekde Babilonaj tempoj, kaj miloj da libroj jam estis publikigitaj pri ĝi. Fakte astrologio estas praa branĉo de studado, sed antikveco aŭ tunoj da libroj neniel transformas ĝin en sciencon. Ĝi ne baziĝas sur empiriaj pruvoj, kaj astrologoj ordinare ne dediĉas sian tempon al kontrolataj eksperimentoj, per kiuj oni sukcesus pruvi astrologiajn aŭgurojn.

Similan argumenton oni uzas por pravigi akupunkturon. Ĉar ĝi fontas elplurjarcenta ĉina sperto, ĝi "devas" funkcii. Fakte plurjarcenta sperto povas origini el tute senfundamenta teorio, kiu pludaŭras danke al placebefekto aŭ spontanea resaniĝo, fenomenoj sufiĉe bone konataj de la nuntempa medicino. Nur antaŭ proksimume dudek jaroj oni komencis science kaj sisteme esplori akupunkturon. La nuna situacio estas, ke ĉi tiu teĥniko ŝajne funkcias kontraŭ kelkaj specoj de doloro; tamen la rezultoj ne tute klaras.

## Kvina miskompreno: prestiĝo pravigas teorion

Kompreneble, se Einstein deklarus, ke ekzistas kontraŭgravita forto, lia argumento pli pezus ol tiu de nekonata fizikisto. Tamen oni devas ĉiam gardi sin kontraŭ la danĝero akcepti teorion simple pro la prestiĝo de tiu, kiu ĝin proponas.

Kiam Einstein formulis la ĝeneralan teorion de relativeco, li konkludis, ke devas ekzisti ne nur gravita forto, sed ankaŭ ĝia malo, la kontraŭgravita forto. Post kelkaj jaroj, li interŝanĝis ideojn kun la fama astronomo Hubble, kiu konvinkis lin, ke la Universo, post maksimuma plivastiĝo kaŭzita de la komenca Granda Eksplodo, nuntempe kunpuŝiĝas, kaj la galaksioj reciproke alproksimiĝas kaŭze de gravita altiro.

Einstein do deklaris, ke la kontraŭgravita koncepto estis lia plej granda eraro.

La leciono, kiun ĉi tiu epizodo instruas al ni, estas ke prestiĝo ne konsistigas firman bazon por scienco. Eĉ la plej fama sciencisto dependas de empiriaj pruvoj.

(Ironie, novaj astronomaj eltrovaĵoj montras, ke la galaksioj ĉe la randoj de la Universo efektive malproksimiĝas, do probable ja ekzistas kontraŭgravita forto. Konklude: Einstein ne eraris!)

---

La vidvino estas la nura virino kiu scias kie la edzo pasigas la noktojn.

# Sinsekvaj centjariĝoj en Esperanto-movado

*James Rezende Piton*
*(Campinas-SP)*




*En la lasta Marto okazis en Boulogne-sur-mer, Francio, internacia Esperanto-kongreso por omaĝi la centjariĝon de la Unua Universala Kongreso de Esperanto, kiun Zamenhof mem partoprenis, kiel ĉiujn aliajn Universalajn Kongresojn ĝis sia morto. Aliaj centjariĝoj, memorindaj por ni brazilaj esperantistoj, okazos en la sekvaj tri jaroj: 2006 - cent jaroj de la fondiĝo de Suda Stelaro, la unua E-klubo en Brazilo; 2007- cent jaroj de Brazila Esperanto-Ligo kaj 2008 - cent jaroj de Universala Esperanto-Asocio.*

Oni scias, ke la Esperanto-parolantoj en Brazilo, dum la jardeko de 1890, ne estis organizitaj laŭ kluboj kaj asocioj. La disvastigo de Esperanto en la lando okazis pro unuopaj iniciatoj, ĉefe en la Sudo kaj Sudoriento.

Estas relative bone konata la fakto, ke en 1906, la 17-an de Marto, fondiĝis en Campinas, federaciero São Paulo, la klubo *Suda Stelaro*. Post ĝi, la unua kreita en la lando, senĉese aperis kluboj kaj asocioj por la instruado kaj praktiko de la internacia lingvo de D-ro Zamenhof. En la lastaj dek jaroj kreiĝas eĉ virtualaj kluboj en Internet.

La dek kvin jaroj de ekzistado de tiu klubo tamen perdiĝis en la fora tempo, nur en periodaĵoj kaj la memoro de ties samtempuloj, nun ĉiuj forpasintaj. Inter 1906 kaj 1920 la brazilaj esperantistoj ofte legis informojn senditajn de la klubo al la enlanda kaj internacia E-gazetaro. Lokaj ĵurnaloj de Campinas ricevis ankaŭ notojn tradukitajn el Esperanto-eldonaĵoj.

Se la historio de *Suda Stelaro* estas forgesita, ne vanis ties pioniraj klopodoj. D-ro João Keating, la fondinto, kontribuis en la organizado kaj formado de la unuaj generacioj de brazilaj esperantistoj. Keating, intelektulo, estis la prestiĝa instruisto de la franca ĉe la nuntempa mezlernejo "Culto à Ciência". Li havis tre bonajn rilatojn kun la kulturaj medioj de la urbo. La unuaj vortaroj portugala-esperanto kaj esperanto-portugala eldonitaj en Brazilo estis verkitaj de alia membro de la grupo de Campinas, inĝeniero Tobias Rabello Leite, de la fervojkompanio Mogyana.

Por elsavi tiun historion, en 2006, dum la centjariĝaj solenaĵoj oni publikigos la libron ***Suda Stelaro de Campinas***, en dulingva eldono portugala-esperanta. La aŭtoro, James Rezende Piton, jam de 15 jaroj kolektas dokumentojn kaj faktojn ligitajn al *Suda Stelaro*. La libro rakontos ankaŭ iom pri la historio de la ĉefaj kulturaj institucioj de Campinas en tiu tempo, kelkaj plu ekzistantaj. "Plurajn dokumentojn mi ekhavis en Brazilo kaj en Eŭropo", diras James, kiu estas sekretario de loka NRO Kultura Centro de Esperanto en Campinas kaj ĉefdelegito de UEA por Brazilo. "Cetere danke al la elstara nivelo de kelkaj publikaj arkivoj en la urbo, speciale tiuj de Unicamp, multaj informoj riveliĝis aŭ estis konfirmeblaj. La biblioteko de EASP, en São Paulo, aparte helpis min kaj mi estas tre danka pro tio", li kompletigas.

La libro publikiĝos en Julio 2006, kiam Simpozio okazos kaj la urbo gastigos, inter aliaj aranĝoj, la 41-an Brazilan Kongreson de Esperanto, sub la aŭspicio de Brazila Esperanto-Ligo. Oni povas legi pli ĉe http://www.esperanto.cc/centenario

# BEJO-jarfino 2004 en Campinas

*Ísis C. Okabe Piton*
*BEJO-prezidantino*



La finon de la jaro 2004 kelkaj BEJO-anoj fermis per ora ŝlosilo . La estraro de BEJO, post freneza laboro pri burokrataĵoj, nun komencas zorgi pri la afero kiun oni plej ŝatas: la MOVADO!!! Multaj estis la realiĝoj kaj planitaj projektoj por 2005: Reto pri Reprezentantoj kies premio estas la plej grava vortaro de Esperantio: PIV (Plena Ilustrita Vortaro). Tiu ekzemplero estas donaco de nia bonfaranta membro kaj iama estrarano D-ro Paulo Sergio Vianna, unu el la plej aktivaj esperantistoj de Lorena-SP. Estas ankaŭ ellaborata de BEL kaj BEJO konkurso por junuloj, BEJO-Ataŝeo 2005, kies venkanto gajnos E-vojaĝon al eksterlando.

BEJO-Jarfino estis simbolo de la nova bona fazo pli aktiva ĉirkaŭ BEJO. Ĝi okazis de la 18-a ĝis la 20a de Decembro 2004, en Campinas. La evento havis multajn aktivaĵojn por ĉiuj aĝoj kaj eblis amuziĝi en tute esperanta etoso. Partoprenis la renkontiĝon 19 homoj, junaj, plenkreskaj, kaj la novaĵo estas la partopreno de 5 denaskuloj inter 1 kaj 5 jaroj. Malgraŭ tio, ke temis pri eta renkontiĝo, la evento estis ege agrabla. Etaj renkontiĝoj ankaŭ havas sian ĉarmon, la homoj alproksimiĝas pli, vera amikeco pli facilas!

La evento komenciĝis en vendredo je la 16h30. La vetero estis tre varma kaj la plejmultaj profitis por eniri en la naĝejon. La vespermanĝo okazis kun aŭskultado de esperantaj muzikoj. Sekve Roger Grilo parolis pri siaj vojaĝoj al Afriko kaj Azio kaj prezentis multajn fotojn. Oni spektis la filmojn "Esperanto: Lingua Incognita", el Slovakio, kaj Flying an Octopuss (Flugante sur Polpo), dokumenta filmo el Usono pri balonkonstruado. Ambaŭ filmoj tute en Esperanto. Ne mankis interesaj komentoj dum la spektado de la du filmoj.



Sabate la vetero estis denove tre varma, la infanoj ludis en la naĝejo. Sekve, Joseo Tenorio kaj Conceiçao prezentis al ĉiuj pupteatraĵon. La prezentado allogis infanojn, junulojn kaj plenkreskulojn. La knabinetoj Helena kaj Luane entuziasme partoprenis kaj respondis al la demandoj de la pupoj pri voĉoj de bestoj. La pli etaj Pedro, Andreo kaj Jean atente rigardis la pupetojn, kun la deziro tuŝi ilin. La gepatroj feliĉis vidi siajn infanojn partoprenantaj, ĝuantaj tiun momenton de E-arto. Tenorio kaj Conceiçao mem produktas siajn diverstipajn pupojn. Neesperantistoj, kiuj partoprenis ĉuraskon en la sama loko aŭdis E-muzikojn kaj spektis la pupteatraĵon. Estis tre interese, ke ni neintence povis montri kiel funkcias la lingvo kaj disvastigi esperanton al ne esperantistoj.

Julio Calegari prelegis pri "Vojaĝoj pere de Pasporta Servo". Ni ĉiuj sidis ronde en la vizitĉambro, eĉ surplanke, en etoso de

*Daŭrigota sur paĝo 14*



William Auld estas la plej renoma de la kvar poetoj kaj proz-verkistoj,kiuj fulmetondris en la Esperantan literatur-kampon en 1951 kun la eldono de *Kvaropo*, tiel estigante la “Skotan Skolon”. La aliaj tri kvaropanoj estis John Dinwoodie, John Francis and Reto Rossetti. Auld ja debutis pli frue, dum la lastaj tagoj de *Literatura Mondo* (1947-49) (1) kaj de 1949 ĝis 1955 li redaktis la modestan sed enhave kaj historie signifan periodaĵon *Esperanto en Skotlando,* kiu estis diskutejo por la tiamaj junaj verkistoj. La eldono de *Kvaropo* samtempe signis la elpaŝon de *Stafeto*, la eldonejo fondita de Prof. Juan Regulo-Perez en La Laguna, kiu ŝtopis breĉon kaŭzitan de la malapero de *Literatura Mondo* kaj ties eldona agado. Naskita en 1924, Auld ellernis la lingvon en 1937, sed nur ekagis literature 10 jaroj poste, firmiginte sian karieron kiel instruisto pri la angla literaturo. Li kunlaboris je pluraj periodaĵoj kaj estis redaktisto ne nur de *Esperanto en Skotlando*, de Fonto en Brazilo kaj La Brita Esperantisto, sed ankaŭ de *Esperanto* (UEA) ekde 1955 ĝis 1958, *Monda Kulturo* de 1962 ĝis 1963 kaj *Norda Prismo* de 1968 ĝis 1972. Lia kontribuo al *Kvaropo* nomiĝas *Spiro de l'Pasio*. En 1956 li aperigis sian plej faman kaj certe plej ampleksan unuopan verkon - *La Infana Raso* (1968: 2-a eld. kun notoj). Originalaj poemoj troveblas ankau en *Unufingraj Melodioj*, 1960; *Humoroj*, 1969; *Rimleteroj* (kun Marjorie Boulton), 1976, *El Unu Verda Vivo*, 1978 kaj *Unu el Ni*, 1992. *En Barko Senpilota*, 1987, kunigis ĉiujn ĝis tiam aperintajn poemojn. La rolo de Auld en la Esperanta literatur-komunumo ne limiĝas al vers-farado. Li ankaŭ redaktis la poezian sekcion de la du volumoj de *Angla Antologio*, kiu aperis unue en 1957, kaj ambaŭ eldonojn de la 900-paĝa *Esperanta Antologio*, 1958 kaj 1987. Ke li estas respektata kritikisto kaj recenzisto, evidentiĝas per lia enkonduko al la ĵus menciita antologio kaj per la ses esearoj publikigitaj: *Facetoj de Esperanto*, 1976; *Pri Lingvo kaj aliaj Artoj*, 1978; *Enkonduko en la Originalan Literaturon de Esperanto*, 1979; *Vereco, Distro, Stilo* - disertacio pri la originalaj romanoj verkitaj en Esperanto ĝis 1981, *Kulturo kaj Internacia Lingvo, 1986; La Fenomeno Esperanto*, 1988; kaj plej lastatempe - *Pajleroj kaj Stoploj*, eldonita en 1998. William Auld estas ankaŭ aŭtoro de kantaroj, lernolibroj, bibliografio kaj tradukoj, inter kiuj elstariĝas *la sonetoj* de Shakespeare, *Don Johano* de Byron, *Aniaro* de Harry Martinson kaj *La Mastro de L'ringoj* de J.R.R. Tolkien. En 1999 Auld nomumiĝis por la Nobel-premio por literaturo.

## Al mia amatino neesperantista

de William Auld

Eklerni esperanton vi evitas:
tre bone, kara, scias mi la kaŭzon
de tio, ke vi kvazaŭ sentas naŭzon,
kiam mi ion esperantan citas.

Ho jes! ĉu kredas vi, ke mi ne vidas
tiun subitan spasman spiropaŭzon?
Pri l' lingvo sentas vi ĵaluzotaŭzon,
ke mian amon vi kun ĝi dividas!

Kara, pripensu: ĉu ne bone estus
se pri la aferet' vi ne kontestus,
sed entreprenus Zamenhof-ekzercojn?

Ĉar tiam vere vivus vi pli home,
kaj sentus kun, ne kontraŭ mi – kaj krome,
vi poste povus legi miajn versojn.

# El la Esperanta Literaturo

## Mistero

de Geraldo MATTOS
aperis en Norda Prismo, 56/6, p. 242



Tenebro de mistero
vualas homan bruston,
ke hom' jen kultas juston
kaj montras sin humana,
jen — mensa degenero!
rivelas sin satana
kaj batas, vundas, murdas
kaj mutas, blindas, surdas
por sento homarana!

Pro kio homo ĵetas
al hundo manĝobulon
kaj povran almozulon
forpuŝas post riproĉo
se panon li plorpetas?
pro kio hom' pro voĉo
orkaĝe birdon gardas,
dum arestiton hardas
la luktokampa loĝo?

En nia brustokerno
sekreto strekas spuron
kaj eble la naturon
imitas homanimoj
en ŝia sentalterno:
Ĉu ne la samaj ŝlimoj
produktas jen putoron,
jen plaĉan bonodoron
de rozpetalaj glimoj?

MATTOS, Geraldo. 1931. Brazilano; Professoro,. Esperantisto de 1948. Kunlaboranto de "Fonto". En la portugala lingvo verkis pli ol tridek librojn pri la instruado de la portugala lingvo kaj pri lingvistiko.

Esperantaj verkoj:
La tento de la junulo (poemo 1953);
Ivan la sesa (kvinakta teatraĵo 1953);
La nigra spartako (rakonto 1955);
Miniaturoj (japaneskaj poemoj 1959);
Arĉoj (sonetaro 1967);
Ritmoj de vivo (poemaro 1968).
La Libro de Nejma (sonetaro) 1985
La Libro de Adoro ( sonetaro) 1985
Barbaraj sonoj kaj sonetoj (poemaro 2000)
Almeida, José Américo de: La bagasejo (tradukita romano 1985)
La deveno de Esperanto (1987)
Dantas, Julio: La supeo de la kardinaloj (tradukita unuaktaĵo 1997)
Bloch, Pedro: La manoj de Euridicia (tradukita teatraĵo 1997)
Picchia, Menotti del: Joĉjo Mulato ; La maskoj (tradukitaj poemoj 1997)
La servorajto (kaj) La sinmortigo (dramoj 1997)

# Graveco de SanRio por la Brazila Esperanto-movado

*Sylla Chaves*

## Parto 1

GIGANTAJ URBEGOJ
EN GIGANTAJ LANDOJ

Eĉ nefakuloj pri demografio bone scias, ke la monda loĝantaro distribuiĝas neregule en la surfaco de nia planedo. Kaj ankaŭ ke, ek de la Industria Revolucio, homoj konstante migras de kamparoj al urboj kaj de urboj al urbegoj. Tiu migrado estas nebremsebla. Nur iom studebla, mezurebla, komparebla kaj mildigebla en siaj malbonaj konsekvencoj.

En la tuta mondo — unue en la evoluinta, kaj poste en la evoluanta — urboj kreskadas kaj gigantiĝas.

Por teknikaj studoj nun, pli ol la urboj mem, gravas la kungluiĝoj de urboj kaj urbetoj, kiuj formas kune vivantajn komunumojn, kiujn oni kutime nomas “grandaj urboj” aŭ “metropolaj regionoj”: granda Londono, granda Parizo, granda Bonaero, granda Meksiko, granda San-Paŭlo, granda Rio, granda Salvadoro, granda Beleno, granda Natalo, kaj eĉ granda Londrino kaj granda Maringá. La lasta jarlibro de la Brazila Instituto pri Geografio kaj Statistiko (IBGE) listigas kaj pristudas pli ol dudek “metropolajn regionojn” en nia lando. La plimulto situas ne tre malproksime el la du plej grandaj: granda San-Paŭlo kaj granda Rio (paro duoble pli granda ol ĉiuj aliaj prenitaj kune).

En la dua duono de la dudeka jarcento, en Usono, oni rimarkis duan gravan demografian fenomenon: la iom-post-ioman kuniĝadon de kelkaj tre grandaj “metropolaj regionoj”. Ili ricevis la elvokivajn nomojn BOSVAŜO (Boswash, inter Bostono kaj Vaŝingtono, ambaŭflanke de Granda Novjorko), ĈIPITSO (Chipitts, inter Ĉikago kaj Pitsburgo) kaj SANSANO (Sansan, inter San-Francisko kaj San-Diego, ambaŭflanke de Los-Angeleso). Ni povus nomi tiujn tri formiĝantajn gigantajn urbegojn “super-megalopoloj” aŭ “supergrandurbegoj”. Evidente la sama fenomeno okazas en aliaj landoj. Por nia ĉi-tiea rezonado, mi nur aldonos kaj nomos tri aliajn: MELSIDO (inter Melburno kaj Sidnejo, en Aŭstralio), KETORO (inter Kebeko kaj Toronto, en Kanado) kaj SANRIO (inter San-Paŭlo kaj Rio, en Brazilo).

Se oni consideras samtempe surfacon kaj loĝantaron, ekzistas sep gigantaj landoj en la mondo. Du el ili konservas sian tradician ĉefurbon: RUSIO, la plej granda (kun ĉefurbo MOSKVO), kaj ĈINIO, kun la plej granda loĝantaro (kun ĉefurbo PEKINO). BARATO (aŭ Hinda Unio) konstruis novan ĉefurbon (NOV-DELHIO) apud la malnova. Kaj tri aliaj elektis por sia nova ĉefurbo lokon interne de formiĝanta “supermegalopolo”: Vaŝingtono situas sude de BOSVAŜO; Otavo, meze de KETORO; kaj Kanbero, meze de MELSIDO.

Tiuj tri novaj ĉefurboj estis lokitaj en regionoj kun tre malmulte da loĝantoj, por fariĝi trankvilaj centroj por registara laboro, por esti neŭtralaj rilate al la urboj disputantaj landan hegemonion, kaj tamen resti sufiĉe proksimaj al ili, por faciligi la konstruadon kaj la postajn kontaktojn kulturajn, ekonomiajn kaj politikajn. Nur por Braziljo oni elektis lokon malproksiman de la

formiĝanta brazila supermegalopolo SANRIO. Oni povas demandi la kaŭzon de tiu stranga decido. Kaj, pli grave por ni, la brazila esperantistaro rajtas demandi, kial tiun ĉefurban ŝanĝon tuj sekvis la ŝanĝo de la ĉefsidejo de BRAZILA ESPERANTO-LIGO, la brazila landa asocio de UEA. Mi klopodos respondi ambaŭ demandojn.

KIAL BRAZILJO SITUAS MALPROKSIME DE SANRIO?

Ni komencu nian klarigon per trarigardo de niaj landaj geografio kaj historio. En eseo, kiun mi verkis en 1992, estas ĉapitro titolata LA TRI BRAZILOJ. La unua Brazilo inkluzivas la regionojn Nordan kaj Centrokcidentan. En ĝi estas Braziljo. Ĝi okupas preskaŭ du trionojn de la lando kaj estas tre maldense loĝata. Tie estas nur 15% de la brazila loĝantaro.




La dua estas nia Nordorienta regiono. Ĝi okupas pli-malpli duonon de la cetero kaj estas relative malriĉa. La tria konsistas el niaj regionoj Suda kaj Sudorienta. Tie loĝas pli ol duono de nia loĝantaro, kaj produktiĝas pli ol tri kvaronoj de la brazila ekonomio. Tie estas SANRIO, kiun mi nun difinos iomete pli precize, kiel ne nur la regiono inter San-Paŭlo kaj Rio, sed ankaŭ la regiono facile atingebla per surfaca transporto el unu el tiuj du urboj. En ĝi estas, ekzemple, Kuritibo, Campinas, Santos, Juiz de Fora, Belo Horizonte kaj multaj aliaj gravaj urboj. Kaj, kiel dirite, Braziljo estas malproksime de ĝi.

Nun iom da historio. Iom post la alveno de Kolumbo al Ameriko, per la Traktato de Tordesilo (kun interveno de la Papo), portugaloj kaj hispanoj akceptis dividi la eltrovitajn kaj eltrovotajn landojn de la Nova Mondo per linio, kiu tranĉus la mondon de poluso al poluso pli-malpli 370 leŭgojn okcidente de la insularo Kabo-Verdo. Per tiu traktato Portugalio rajtis ekposedi iom malpli ol duono de la nuna Brazilo. Sed, iom poste, Portugalio fariĝis parto de Hispanio. Kaj la riveroj de Brazilo faciligis ĝian penetron okcidenten. Kaj, kiam Portugalio kaj Hispanio denove disiĝis, la brazila teritorio jam estis duobligita.

Kaj nun la kialoj por la translokiĝo de la brazila ĉefurbo al la fora landinterno. La diskuto komenciĝis jam okaze de nia sendepen-diĝo, en la komenco de la 19-a jarcento. La foreco de nia ĉefurbo faciligus la defendon de nia lando okaze de invado per batalŝipoj. Kaj ĝi ankaŭ plifirmigus nian okupon de nia vasta, riĉa kaj preskaŭ senhoma trans-tordesila okcidento.

La unua argumento ne plu validas ekde la dua mondmilito, kiu pruvis, ke malamikaj aviadiloj tre facile atingus nian ĉefurbon ie ajn en la mezo de nia teritorio. Sed la dua argumento fariĝis eĉ pli grava nuntempe. La brazila Amazonio estas la pulmo de la mondo kaj la plej riĉa rezervejo de biodiverseco. Tial ĝi altiris la rigardon de la tuta mondo, de la bonaj kaj de la malbonaj homoj. Kaj la militoj de la Tria Jarmilo pruvis, ke la malpli fortaj landoj bezonas sin defendi kontraŭ la pli fortaj, kiuj facile trovas pretekstojn por komenci "savajn militojn". Tiu defendo ankoraŭ estas necesa, almenaŭ ĝis kiam la voĉo de UN fariĝos bremso ankaŭ por la fortuloj. Aŭ ĝis kiam la saĝaj homoj de la malsaĝaj landoj komencos direkti ilin al vera monda bono. Aŭ ĝis kiam la nuna tutmondiĝo de la interesoj de la riĉuloj fariĝos la prirevata

tutmondiĝo de Zamenhof. Ĝis tiam, niaj gardhundoj devas atente rigardi nian Amazonion. Eble pli bone el Braziljo ol el Sanrio.

KAJ KIO PRI BEL?

Ĉu Brazila Esperanto-Ligo bezonis akompani niajn gardhundojn al tiu vasta senhomejo? Tiun temon mi pritraktos en la numero 112 de LA LAMPIRO. Mi tamen jam povas rimarkigi, ke tiu haste farita translokiĝo montriĝis neadekvata. Post heroa 20-jara rezistado kontraŭ la neantaŭviditaj malfacilaĵoj, la brazilja movado decidis konfesi sian bezonon redoni la torĉon al tiuj, de kiuj ili antaŭe prenis ĝin. Eĉ la granda monsumo, kiun iu Bona Feo el Sanrio iam donacis al BEL, ne estis sufiĉa por doni al ĝi la bezonatan eternan viglon.

En la lastjara baloto sin prezentis neniu kandidataro el la vastega kaj preskaŭ malplena Brazilo 1; nek el la pli loĝata, sed relative malriĉa Brazilo2. Kaj, anstataŭe, sin prezentis du kandidataroj el Brazilo 3, aŭ, pli ĝuste, el Sanrio. Unu el ili venkis kaj nun respondecas pri la estonto de nia movado. Kaj en Braziljo restas la ĉambroj de la Centra Oficejo, aĉetitaj per mono iam sendita el Sanrio, la biblioteko iam forportita el Sanrio, kaj la heroa loka skipo, kiu rezistis dum 20 jaroj kaj ankoraŭ helpeme laboras tie.

Mi nun demandas: ĉu tiu situacio ne meritas seriozan studon por serioze plani la estonton de la brazila Esperanto-movado? Per pliaj informoj, en la numero 112 de LA LAMPIRO, mi klopodos helpi tiun nepre bezonatan studon.

(daŭrigote)

---

*Daŭrigo de la paĝo 9: Bejo jarfino 2004 en Caminas*

babilado de gefratoj en familio. Tio estis tre agrabla momento. Li parolis pri la kulturo de Ĉinio, la bonaj kaj malbonaj flankoj laŭ nia kulturo, religioj ktp., pri la uzado de Pasporta Servo de TEJO kaj ĝia graveco dum liaj vojaĝoj. Anjo, lia pola edzino, parolis iomete pri la E-movado en sia naskolando. Ne mankis komentoj de tiuj, kiuj jam vojaĝis eksterlande, kaj demandoj de tiuj, kiuj neniam eliris el nia lando.

Oni faris kunvenon por paroli pri BEJO, ĝiajn projektojn kaj planojn por la jaro 2005. Ĉiuj konkludis, ke nia organizo bone marŝas, ke oni feliĉas pro la ŝanĝoj en nia revuo kaj kelkaj konkeroj ĉe BEL.

Antonio Moreira prezentis al ni siajn novajn muzikojn, bonegaj rapoj kun interesaj temoj kaj lia 2-jara fileto dancis kun li imitante liajn movojn. Kia spektaklo!

Dimanĉo estis la adiaŭa tago, kaj tiuj, kiuj restis havis la bonan ŝancon de plia suna mateno. Joseo kaj Conceiçao prezentis alian pupteatraĵon por la infanoj (eĉ sub pluvo, veraj artistoj!), kaj kelkaj spektis la filmon "La Granda Diktatoro" de Charles Chaplin, en kiu videblas multajn afiŝojn esperantlingvaj por la scenejoj de imagita lando.

# Por Revalorigo de Poezio

Leandro Konder
(El "Jornal do Brasil", 06/2003)

Tradukis:
D-ro Paulo Sergio Viana
Lorena - SP

Realo estas senfina, neestingebla. Ĉar ni partoprenas en ĝi, tial ni klopodas ĝin kompreni, laŭ nia kapablo. Tamen, io en ĝi ĉiam forkuras de ni. Ni neniam sukcesos "enkadrigi ĝin en unu el niaj eksplikaj skemoj".

Kaj precize je ĉi tio ni devus danki al poezio, ĉar ĝi estas arto, kiu helpas nian memkonon, tute ne estante – aŭ sen tia intenco – ia "eksplika skemo".

Tamen, malgraŭ tiu spirita malfermo, ankoraŭ ekzistas fortaj signoj de malbonvolemo koncerne la "estetikan aventuron" de poetoj. "Mi ne ŝatas iun, kiu verkas, celante nur belecon", iu homo diris. Decas do rememorigi, ke en sia origino la vorto "estetiko" neniun rilaton havas kun beleco: esthesia signifis "sensacon" (de tio venis "anestezio", nome neniigo de sensacoj).

Estas kurioze konstati tion, kion homoj respondas, je la demando, kial ili ne legas poezion. "Al mi ne plaĉas rimoj", unu deklaras. Mi argumentas, ke rimo ne estas deviga, ke ekzistas poemoj verkitaj per liberaj versoj. Mia interparolanto silentas.

Iu alia plendas pri la mafacileco de poezia lingvo.

Mi konsentas, ke poezia lingvo, kiel ĉia lingvo, eble prezentas malfacilaĵojn. Ĝi tamen ne estas neatingebla.

Oni scias, ke ĝi aperis antaŭ prozo. Homoj uzis mimikon kaj aron da rimaj, sonaj signoj por kunordigi siajn movojn, en grupa agado – dum ĉasado aŭ milito. Poezia lingvo do naskiĝis lige kun muziko kaj danco.

Nur kiam agoj fariĝis pli kompleksaj kaj individuoj devis esprimi pli komplikajn aferojn inter si, tiam aperis prozo, kun siaj interligoj, koneksaĵoj, kunigoj, k.s..

Mi demandas: pro tia riĉa pasinteco, ĉu ne estus saĝe, ke oni dediĉu pli da atento al poezio?

La reago montras, ke mi ankoraŭ ne suksesis konvinki. Junulino asertas, ke al ŝi ŝajnas stranga la poezia "artefariteco".

Mi entreprenas kontraŭatakon per la demando, kio estas pli "artefarita": ĉu la elparolo de poetoj aŭ la oficialaj paroladoj de aŭtoritatuloj, dum la lastaj 50 jaroj?

Mezaĝa sinjorino klarigas: de kiam mi legis unu libron de poemoj, kiun mi trovis tre malbonaj, mi neniam plu legis poezion. Mi kontestas ŝian klarigon: se vi irus al kinejo kaj spektus malbonegan filmon, ĉu vi tiam definitive rezignus spekti filmojn?

Arton oni povas taksi nur surbaze de giaj plej bonaj realigoj.

Malbonvolemo koncerne al poezio havas plurajn kaŭzojn kaj nepre produktas bedaŭrindajn kulturajn efikojn. Sub premo de konstanta urĝo, nuntempaj legantoj seninteresiĝas pri legado, kiu postulas pli grandan investon de tempo. Ili volas rapidajn rezultojn. Inter ni, pacienco ne estas eco tre ofta.

Tio malhelpas asimiladon.

Ekzistas subjektivaj spertoj, kiuj envolvas sentojn, timojn, esperojn, imagojn, fantaziojn kaj intuiciojn, kiujn nur poezio povas esprimi.

Per poemoj, mi povas kompari mian sentmanieron kun tiu de aliaj homoj. Mi povas percepti tion, kio estas inter ni simila kaj malsimila; kio estas plej universala, tio estas en mi plej unika.

Por plenumi tiun rolon, poezio devas entrepreni plej rigoran ekzercon pri lingvo; ĝi devas fariĝi fajna, uzi sian tutan stokon da metaforoj, sian tutan kapablon starigi aludojn

# La anĝelo kiu revenis al la ĉielo

*Joel Afonso Francisco*
*(Praia Grande-SP)*



Alzira Gomes dos Anjos Baptista (Alzirinha) naskiĝis en la malgranda urbo "Sacramento – MG", kie vivis, en la 19-a jarcento, Euripedes Barsanulfo, kiu fariĝis konata kiel "Apostolo de Karitato". Ŝi estis ankoraŭ eta knabino kiam la familio transloĝiĝis al "Franca – SP".

En 1968 Alzirinha edziniĝis al José Roberto Baptista. La paro multfoje iris al Uberaba viziti S-ron Francisco Cândido Xavier, de kiu ili multe lernis kaj sekve, sukcesis bonan spiritan ekvilibron.

De S-ro Langerton Neves da Cunha, el "Peirópolis – MG", Alzirinha kaj Roberto eklernis homeopation kaj fitoterapion. Estis konstruita la bazo por, iom poste, en la homeopatia apoteko "Lar Scheilla", de la Spiritisma Domo "Meimei", produkti fitoterapiajn medikamentojn pere de medicinaj plantoj kaj, disdoni, tute senpage, al la loka komunumo.

Iun tagon Alzirinha eniris librejon kaj ekvidis sur la bretaro la libron "Esperanto Sem Mestre", eĉ ne sciante pri kio temas ŝi aĉetis la libron. Post jaroj ŝi partoprenis Esperanto-Renkontiĝon en Peirópolis – MG. Baldaŭ ŝi organizis E-societojn, "Stelo E-klubo" kaj, por la infanoj, "Lernejo Ĝardeno Esperantista Zamenhof", ĉe la spiritisma domo "Meimei".

Sub aŭspicio de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo, Stelo E-klubo okazigis Esperanto-Renkontiĝon de Ŝtato San-Paŭlo, en Franca. La evento vekis la atenton de la regiona loĝantaro kaj de tiam la nomo Alzirinha ligiĝis al Esperanto.

Dum multaj jaroj Alzirinha laboris por Esperanto, ŝi esperantigis kaj plenkreskulojn kaj infanojn. La prezentado de la "infanoj de Alzirinha", okaze de E-renkontiĝoj, ĉiam ĝojigis kaj kortuŝis la partoprenantojn.

Sed, kiel okazos al ni ĉiuj, alvenis al fino la tempo de Alzirinha sur la terglobo, post fruktodona kaj laborplena vivo, la 7-an de Januaro 2005, Alzirinha forpasis. Mi tute konscie asertas: "Anĝelo revenis al la Ĉielo".

Jen kion diris Neusa Priscotin Mendes, el Ribeirão Preto, kiam ŝi eksciis pri la forpaso de Alzirinha: "Kiam ni pensas pri ŝi, venas al nia memoro bildon de virino firma kaj forta malgraŭ la mildeco kaj maldikeco de la svelta korpo, batalema brava esperantisto ĉiam plena de entuziasmo kaj laboremo".

---

*Daŭrigo de pağo 15*

kaj kunsignifojn, sian tutan kapablon disponigi inventojn kaj renovigojn.

Se oni komparas la memdisciplinon de poezia lingvo kun la banaligo de lingvo, kun la malriĉigo de ĉiutaga komunikado, kun la misformiĝo en plej multaj elparoloj amdataj dum babilado, aŭ kun la ripetado de laŭmodaĵoj en TV, tiam oni tuj perceptas, kiel gravaj estas perdoj pro malbonvolemo kontraŭ poezia lingvo.

Estus belege, se oni sukcesus fari ion por revalorigo de poezio.

# Ĉu vi estas Esperantisto?

*Osvaldo Pires de Holanda*
*São Paulo - SP*

La Esperanto-movado en Brazilo similas al granda ŝipo en kiu ni enŝipiĝas kun la celo atingi sekuran havenon. Sed*, por nia sukceso* dependas de la kunlaboro de ĉiuj, komence de iliaj aliĝoj al Brazila Esperanto-Ligo, por ke ni havu statistikojn, kiuj spegulos la efektivan nombron da esperantistoj ekzistantaj en nia lando.

Nuntempe estas kun granda bedaŭro, ke ni konstatas la ekziston de urboj kie delonge ekzistas vigla movado, sed ne estas eĉ unu esperantisto aliĝinta al BEL. El tiu malkomprenemo pri la graveco de la aliĝo rezultas, ke en la ellaboro de la verko pri la Historio de la Esperanto-movado en Brazilo mankas informoj pri tiuj urboj kun granda malprofito ne nur por la historio de la movado en la lando, sed ĉefe por la loka movado.

Unu el la faktoj pri kiuj malmultaj politikistoj atentas koncerne al nia movado estas, ke statistike ni estas malmultaj, sed se ĉiuj esperantistoj estus aliĝintaj, la atento estus alia. Krom tio, la esperantisto kiu ne aperas en la esperantaj statistikoj similas al persono, kiu ne estas registrita en notariejo, kaj do ne ekzistas. Tiel same, la esperantisto kies nomo ne aperas en la brazila jarlibro , statistike ne ekzistas en la Esperanto-movado. Malgraŭ tio, la izolita laboro havas meriton, sed ĝi multe pli valoras kiam ni laboras kune.

---

**Vizio pri l' Estonteco**
Manoel Borges dos Santos
Muritiba - Bahia

Mi vidas vi-okule la portreton
De mondo pli feliĉa, bela, pura...
Mirinda mondo de l' homar'futura
Kiun mi anoncas per ĉi-tiu Soneto.

Ne plu milita, mava mondobskuro,
La Noverao de la Diprojekto...
Per Esperanto kaj per Interreto
Jam estos forigita granda muro.

Kaj de l'Pasinto trista, dekadenca
Nur la rubajxoj certe restos ja!...
Kaj de l' sublima paco sem' potenca.

Kaj ĝi eterne ĝermos novan semon,
Kreante en ĝarden'de l'koro, ha!...
De l' eterna Feliĉo - la sistemon!...

**Visão do Futuro**
Manuel Borges dos Santos
Muritiba - BA

Eu vejo nos teus olhos o desenho
De um mundo mais feliz, e belo, e puro...
Mundo maravilhoso do futuro,
Que para anunciar agora, venho...

Não mais de guerras, nem de ódio escuro,
É a Nova Era que na mente tenho,
Pois o homem usará o seu engenho,
Na total destruição do Grande Muro.

E do passado triste e decadente,
Só os escombros, por certo, ficarão,
E da sublime paz – uma semente...

Mas que germinará eternamente,
Criando no Jardim do Coração,
Uma Felicidade permanente!...

# Forpasoj

Astrogilda Guerrini Teixeira 1916 – 2004
Esperantistino ekde la fino de de la kvardekaj jaroj.
Ŝi laboris fervore kaj efike por la esperanto-movado en nia urbo. En diversaj periodoj okupis la jenajn postenojn en la estraro de San-Paŭlo Esperanto-Klubo (SPEK), nuntempe Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP).
1952 – 1953 Dua Sekretariino;
1954 – 1955 Vicprezidanto;
1956 – 1957 Prezidanto.
Poste, ŝi edziniĝis al Dilermando Teixeira, same kiel ŝi esperantisto, kaj transloĝiĝis al Belo Horizonte, kie ŝi daŭrigis sian esperantan laboron, dum multaj jaroj.
Mortis la 15an de Decembro de 2004 en la urbo Belo Horizonte.

Dilermando Teixeira 1917 – 2004
Fariĝis esperantisto en la fino de la kvardekaj jaroj.
Dum multaj jaroj li laboris en la esperanto-movado.
Mortis la 1an de Novembro 2004 en la urbo Belo Horizonte, kie li loĝis.

Alzira Gomes dos Anjos Baptista
Ŝi agadis en la esperanto-movado, dum multaj jaroj, en la urbo Franca-SP.
Mortis la 7an de Januaro 2005.
Pri Alzirinha kaj ŝia agado, legu la tekston LA ANĜELO KIU REVENIS AL LA ĈIELO.

---

# 59a Esperanto-renkontiĝo de Sudparaiba Valo

Okazis, en la 6a de la pasinta marto, en la urbo Taubaté, la tradicia Renkontiĝo de la Sudparaiba Valo.

En la evento partoprenis 67 geesperantistoj de diversaj urboj de la sudparaiba valo, same kiel de aliaj urboj, nome, São Paulo, Rio de Janeiro, Ribeirão Preto, Bauru, Campinas, Caraguatatuba, Pouso Alegre kaj Santo André.

Kun bone ellaborita programo, la laboroj estis fruktdonaj kaj okazis en bonega etoso. Oni diskutis interesajn temojn por antaŭenigi la esperanto-movadon en la regiono kaj eĉ en Brazilo.

Pluraj geanoj de Esperanto-Asocio de São Paulo ĉeestis en la evento, inkluzive ties prezidanto, Genildo Martins Coelho.

# Kio estas floraj esencoj?

*Yeda Patrizi*
*Santos - SP*

La floraj esencoj ne estas afero de alopatio, nek de homeopatio, ankaŭ nek de fitoterapio. Ili estas energiaj komponaĵoj, kies agemaj principoj ne estas kemiaj, sed elektromagnetaj.

Por la preparo de tiuj esencoj oni uzas nur florojn, ĉar en la floro, kiu jam enhavas potenciale la semon, estas koncentrata la vitala forto de la planto. Tiu vitala forto estas ekstraktata kontaktige kun pura akvo kaj suno aŭ varmo – metodo kreita de la angla doktoro *Edward Bach* (1886-1936) cele prizorgi la malsanulojn kaj la malsanojn.

La floraj esencoj agas sur la emociastato de homoj, bestoj, kaj sur la vitala eco de la plantoj korektanta la senekvilibron de la energia kampo.

*Edward Bach* doktoriĝis en la *University College Hospital*. Antaŭ ol disvolvi siajn florajn medikamentojn, li, kiel kuracisto, jam uzis specialan metodon de kuracado: sidanta ĉe litkapo de la paciento li aŭdadis lin. Tiel li sukcesis elkovri la originon de la malsanoj, kaj rimarkis ke ĉiuj ili estis rezulto de negativaj animstatoj.

Poste li konis la homeopation de *Hahnemann* kaj li raviĝis ĉar la homeopata medikamento estis preskribata laŭ la personeco, korinklinoj de la paciento, krom la fizikaj simptomoj.

Tiam, dum kelka tempo, li laboris en la laboratorio de la *Royal London Homeopathic Hospital*, kie faris eksperimentojn, kiuj konfirmis la ideon ke ĉiuj fizikaj malsanecoj estas la plifirmigo de mensa konduto.

Tiel, en 1930, kun kvardek-tri jaroj, *Bach* forlasis senhezite Londonon por vivi en kampo konvinkiĝinta ke trovus en la naturo adekvatajn medikamentojn por la resanigo de animstatoj kaj sinsekva fizika resanigo.

Li trovis tridek-ok sovaĝajn florojn, kiuj respondas al la diversaj homaj animstatoj.

Nuntempe esploristoj de la tuta mondo daŭrigas la lernadon de tiu afero, kaj jam ekzistas floraj esencoj de diversaj lokoj.

*Fontoverkoj pri la temo:*
*"Info Homeovital" – Cleusa Duarte de Oliveira*
*"Terapia do Dr. Bach" – Mechthild Scheffer*
*"Os remédios Florais do Dr. Bach" – Judy Howard*

---

Pola pikmokaĵo

En teatro policisto flustras al la edzino:

— Ĉi tiu viro antaŭ ni verŝajne estas Balzako.
— Ne diru sensencaĵon! Ja Balzako ne plu vivas. Post momento policisto denove flustras, ĉi-foje triumfe:
— Vi eraras. Li vivas. Mi rimarkis, ke li moviĝis.

# Esperanta Kalendaro

17-a Renkontiĝo de Esperanto de Urbo San-Paŭlo
15 Majo 2005
De la 9-a ĝis la 17-a.
Strato Carlos Sampaio, 315
Proksime de metrostacio Brigadeiro
Bela Vista – São Paulo –SP

Ŝtata Renkontiĝo de Esperanto de Rio de Janeiro
21 – 22 de Majo 2005
Carmo – RJ

60-a Renkontiĝo de Esperanto de Sudparaiba Valo
12 de Junio 2005
Além Paraíba - RJ

40-a Brazila Kongreso de Esperanto
19-a ĝis 23-a de Julio 2005
Porto Alegre – RS
Temo: Tutmondiĝo kaj Frateco

90-a Universala Kongreso de Esperanto
23 – 30 de Julio 2005
Vilno – Litovio
Temo: Universalaj Kongresoj – 100 jaroj de Interkultura Komunikado.

38-a ILEI Konferenco
30 Julio – 05 Augusto 2005
Kaunas – Litovio
Temo: Interkultura Komunikado en Edukado

# Troboj

Vagu, bubo ĉagrenita,
vagu, bubo; via plor'
estu fine multmerita
al personoj nun sen kor'.

Francisca Martos

Por la bono de l'infano
ni laboru kun dediĉo,
ke ĝi estu, krom pano,
ankaux amo kaj feliĉo!

Walter Francini

Al infan'disdonu amon;
feliĉecon vi ricevos…
Al ĝi trudu larman dramon:
plore via kor'diskrevos!

Newton José Monteiro

Ne donacu ludarmilojn,
sed armilojn ĵetu for,
Por nobligi niajn filojn
- Esperant' kaj frata kor'.

Walter Francini

# *ARARAS ATENDAS VIN!*

**5/6 NOVEMBRO 2005**

# 26a ŜTATA KONGRESO DE ESPERANTO DE SAN-PAŬLO








BRAZILA SEKCIO DE

# ILEI BR

I.L.E.I. – INTERNACIA LIGO DE ESPERANTISTAJ INSTRUISTOJ

www.ileibr.kit.net

## ĈU VI SCIAS, KIO ESTAS ILEI??

ILEI estas la tutmonda Ligo, kiu (ekde 1986) prizorgas la taskojn de UEA (Universala Esperanto-Asocio) rilate al 2 gravegaj kampoj: Edukado kaj Instruado – kaj mem havas oficialajn operaciajn rilatojn kun UNESKO, de la sistemo de Unuiĝintaj Nacioj (UN-o).

## VENU AL NIA MONDSKALA MOVADO! NEPRE ALIĜU!

ILEI-BR (Brazila Sekcio de ILEI) estas, do, ne nur por instruistoj, sed por ĉiuj, kiuj apogas la instruadon kaj disvastigadon de Esperanto, do, por ĉiu konscia Esperantisto! Krome, vi ankaŭ ricevos: Tutjaran abonon de *Internacia Pedagogia Revuo* (4 n-roj)

**PLENTEMPA OFICEJO DE ILEI-BR:**
Sekciestro: Prof. Zlóv (UEA-FakDelegito)
Rua Eng. Fco. Azevedo, 243 – S. Paulo (SP)
CEP: 05030-000 – Tel Fax: 55 11 3873-8080
ileibr@linguauniversal.com.br

**Nepre aliĝu tuj al ILEI por la jaro 2005**

**Kontraŭ nur R$ 7,50 Jare !!! (*)**

NOMO: ____________________

NASKIĜ-TAGO: ___/___/___ PROFESIO: ____________________

ADRESO: ____________________

URBO: ____________________ UF: ____ POŜT-KODO: ____________

LANDO: ____________________ TELEF: (____) ____________

ELEKTRONIKA ADRESO: ____________________

DATO: ___/___/___ SUBSKRIBO: ____________________

**Aŭ kontraŭ nur R$ 35 Jare (*)**

BV. SENDU VIAN ĈEKON NOME DE "SOCIEDADE CULTURAL LÍNGUA UNIVERSAL" AL LA SUPRA ADRESO.

* Kontraŭ nur R$ 7,50 inkluzivas la rajton akompani la elektronikan version de IPR (anstataŭ la presitan).